Nova Serio 1a jaro. No. 2. ★ FEBRUARO 1921.

Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtisto.
(Joh. X., 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO. OFICIALA ORGANO DE LA INTERNACIO KATOLIKA.

## La papo benis favore la laborojn preparajn por la universala kongreso de la tutmonda katolikaro.

## „Kanto pri „Passio Domini“.

Kantu Vian mi suferon,
Kiel de kompat' oferon,
Diŝafido, sen makul'
Sinkulpiga pro pekul'.
|: Premu, ho Jesu', dolorojn
Viajn en Kristanajn korojn,
Min konsolu mortdolor'
Via en la lasta hor'. :|

Kulpigit' anstataŭ homoj,
Preĝas en iliaj nomoj,
Sangon ja ŝvitante. Vi
Al kolera patro Di'.

Por bastoni Vin, subpremi,
Turmentegi kaj blasfemi,
Venas nun malamikar',
Trovas Vin sen kontraŭstar'.

Vin malamas la juĝistoj
Lasas Vin al militistoj;
Fluas Via sang' sen ĉes',
Per skurĝisto-frenezec'.

Dum kruela moko ridas
Dornokronon mi ekvidas —
Jen elfluas sangofont'
Sur la frunto de l' Savont'.

Pala kaj turmentegita,
Sur la ligna kruc' najlita
Mortas nun, Dihomo, Vi
Save por pekuloj ni.

Vere, mia malboniĝo
Vin kondamnis al mortiĝo,
Vipis, kronis, sen pardon',
Mokis Vin sur kruco-tron'.
Ho, mi pentas en la koro:
Ne perdiĝu mortdoloro
Via, ho Savinto, Vi
Estu ankaŭ sav' por mi.

Tradukis el Germana lingvo J. Sch.

# Lia Papa Moŝto kaj la Kongreso en Graz.

Granda ĝojo por la „Ika“-anoj! Lia Papa Moŝto donis la Apostolan Benon por niaj kongres-laboroj! La prepara kongreskomitato sendis al la ŝtata sekretario de Lia Sankta Moŝto, la kardinalo Gasparri, informan leteron pri la kongreso en Graz, petante por ĝiaj laboroj la Apostolan Benon de la Sankta Patro. La 5an de Januaro 1921a Lia Kardinala Moŝto bonvolis respondi al la prezidanto de la komitato per tre kuraĝiga letero.

*

Eltiraĵo el la sciigo, sendita al Lia Kardinala Moŝto, en Esperantlingva traduko.

Graz, Aŭstrujo, la 3an de Decembro 1920.

. . . En Oktobro de la nuna jaro Via Eminenca Moŝto bonvolis akcepti la subskribantan ĉef-sekretarion de „Ika“, ricevi la raporton pri la fondo kaj la universalaj taskoj de la Internacio Katolika kaj elpeti privatan aŭdiencon ĉe Lia Papa Moŝto. La sankta celo de „Ika“ estas, ekbruligi kaj disvastigadi la amon Kristanan kaj fratan inter la fratoj katolikaj de la mondo, sen diferenco de la lingvoj kaj de la nacioj, kaj realigi la plej intiman kunlaboradon de ĉiuj katolikoj sur la tuta territorio de la religia, sociala kaj kultura agado. Al realigo de tiu granda tasko i. a. precipe devos servi la kongreso internacia katolika, okazonta dum Aŭgusto 1921a en Graz, Aŭstrujo, aranĝata de la „Internacio Katolika“ kaj preparata precipe de la Internacia Katolika Agada Centro en Graz.

De la komenco estis nia plej arda deziro, labori nur en kompleta agordo kaj absoluta submetiĝo sub la aŭtoritaton de la Sankta Apostola Seĝo. Sed, konsiderante la sennombrajn malfacilojn kaj konante tre bone la nesufiĉecon de niaj personaj fortoj, ni petas plej respektplene jam por la komenco de niaj laboroj la Apostolan Benon de Lia Papa Moŝto.

Inspirataj de la deziro, informi ĉiam plej ekzakte la Sanktan Seĝon Apostolan pri niaj celoj kaj niaj laboroj, ĝis nun ni raportis pri nia entrepreno al la nuncio Apostola en Wien. Ni elpetas la gracon, povi esti ankaŭ por la estonto en rektaj interrilatoj kun la nuncio en Wien, ĉar tiu metodo multe faciligas al ni la interrilatiĝojn intimajn kun la Sankta Seĝo, kiujn ni serĉas, por realigi, kiel eble plej perfekte, la intencojn de la Sankta Seĝo Apostola.

Fine, ni permesas al ni, prezenti al Via Eminenca Moŝto broŝuron titolitan „La Internacio Katolika“ . . Dezirante, servi al nia plej amata patrino, la Eklezio, kaj disvastigadi kun la graco de Dio la regnon de la karito kaj de la justeco, ni ripetas niajn petojn . . .

*

Tiun komunikajon Lia Eminenca Moŝto bonvolis respondi per jena lètero:

(Traduko Esperantlingva)

Sekretariejo
de Lia Sankta Moŝto
No B 14826
Citota en la respondo.

El Vatikano, la 5an de Januaro 1921a.

Via tre respektinda Moŝto!

Mi ricevis la ŝatatan sciigon de via komitato de la 3a de Decembro pasintjara kaj la broŝuron presitan kun la titolo „La Internacio Katolika“.

Dankante al via komitato por ĝiaj ĝentilaĵ komunikaĵoj, mi esprimas miajn plej ardajn bondezirojn, ke disvastiĝu ĉiam pli en la mondo la regno de la karito kaj de la justeco.

Sed, por pli bone atingi tiun noblan celon, kiun la komitato proponis al si, estos certe oportune, ke ĝi, kiel ĝi esprimis la deziron, estu en daŭra interrilatiĝo kun Lia Nuncia Moŝto en Wien.

Plue mi komunikas al via moŝto, ke la Sankta Patro el tuta Lia koro donas al vi kaj al la ceteraj membroj la elpetitan Benon Apostolan, kaj mi profitas la okazon, por esprimi la sentojn de estimo

de tre sindonema al via moŝto
C. V. Gasparri.

Al la tre respektinda
Sro Dro Max Josef Metzger,
prezidanto de la prepara
komitato por la kongreso internacia
Katolika, Graz.

---

# Praktika laboro por „Ika“.

## Pripensoj kaj proponoj.

„Ika“ estas starigita. El preskaŭ ĉiuj landoj oni sciigas pri komenco de praktika laboro. La akcepto de nia movado estas la sama en ĉiu lando. Katolikoj rigardantaj antaŭen salutas entuziasme la ideon, promesas energian kunlaboron; aliaj ŝanceliĝas, atendante, kion faros la ceteraj; malmultaj katolikoj principe kontraŭdiras. Sed entute la plej granda parto de la tutmonda katolikaro ne estas malinklina je nia movado.

En tiu ĉi situacio multaj el niaj geamikoj demandas: Kio nun estu farata? Kompreneble, la eblecoj estas diferencaj en la diversaj landoj; sed ĉie kaj ĉiam ekzistas tiu sama absoluta devo: Ĉiuokaze oni devas agadi. La plej energia komenco de laboro kuraĝigos nedecidintojn.

Sed oni laboru saĝe, pripense. Ŝajnas al mi utile, unu fojon pritrakti la diversajn manierojn de laboro nun ebla kaj necesa; aliaj geamikoj bonvolu kompletigi, sciigante siajn tiucelajn opiniojn kaj spertojn.

De komenco ekzistas du vojoj, por realigi nian organizon. Ekz., oni invitu ĉiujn katolikajn unuiĝojn aŭ societojn de la ŝtato, por klarigi al ili la necesecon kaj la utilon de „Ika“; oni petu ilian aliĝon, unuvorte: oni penadu, kvazaŭ mekanike kunligi la ekzistantajn katolikajn organizaĵojn al nacia Ligo. Ŝtonon post ŝtono oni tiel kunmetas, por formi muron. Sed, kiam iu pli forta vento estos ekblovinta, tiu tuta muro disfalos.

Tiu mekanika vojo do ŝajnas nuntempe ne ĉie praktika kaj utila, ĝis kiam ne ekzistas sufiĉaj fundamentoj por intima internacia kunligo. Ĉar, malfeliĉe, multaj katolikaj organizaĵoj ĝis nun ne komprenas ankoraŭ la grandegan gravecon de internacia kunelaboro. Ili atendas, ili unue volas vidi praktikajn sukcesojn. Tial estas nun eble la plej bone, se ni samtempe iras ankaŭ la duan vojon. Ĉiu daŭra kaj forta organismo devas kreski iom post iom laŭ internaj ĝiaj leĝoj kaj energioj, kaj tiu kreskado eble estos ankaŭ la natura evoluo de nia „Ika“.

Dissemitaj estas tra la tuta mondo la semoj de la internacia katolika ideo. En ĉiu lando, en ĉiu regiono, en ĉiu urbo certe ekzistas kelkaj entuziasmaj katolikaj „internaciistoj“, izolaj personoj, malgrandaj rondoj aŭ lokaj grupoj da tiaj. Jen la naturaj semoj de nia „Ika“. Ŝajnas al mi la unua kaj la plej utila tasko, kolekti kaj kunigi tiujn dissemitajn katolikajn „internaciistojn“ en lokaj aŭ regionaj aŭ ŝtataj grupoj, se eble, per fondo de nacia Esperanto-unuiĝo. Sed ne, por ekskluzive nur la lingvon Esperanto disvastigi: antaŭ ĉio, por kunligi la jam ekzistantajn katolikajn „internaciistojn“. Ne estas absolute necese, ke ĉiu membro jam de komenco sciu Esperanton; per saĝa laboro oni atingos, ke ĉiu entuziasma katolika „internaciisto“, komprenante la gravecon de unuiga lingvo, iom post iom lernos, li mem, Esperanton. Plue, ĉiu katolika „internaciisto“ devas esti individua membro de „Ika“, ĉar la individuaj membroj estas la absolute necesa fundamento de fruktodona kaj sukcesplena „Ika“-laboro. Ĉiu katolika „internaciisto“ anoncu sin ĉe lia landa direktoro aŭ ĉe la Centra Agada Oficejo kiel individua membro de „Ika“. La adresoj de la novaj membroj estos publikigataj inter la abonintoj de „Espero Katolika“, kaj tiel ĉiuj katolikaj „internaciistoj“ simplamaniere estos interligitaj. Ili povos interŝanĝi leterojn, opiniojn, proponojn. Jen la fundamento de Internacio katolika, se ĝi komence ja estas ankoraŭ nur malgranda.

Sed ĉiu individua membro *fakte* devas esti semo de „Ika“. Li devas serĉi la samideanojn en lia loko, varbi novajn membrojn, kaj iom post iom tiuj samideanoj povos fondi malgrandan lokan grupon: la *tiuloka centro de „Ika“*. Tial malgranda societo per saĝe organizata laboro povos grave subteni la „Ika“-movadon. Ekz. oni povas aranĝi Esperanto-kursojn por katolikoj kaj dum tia kurso oni praktike klarigu al la partoprenantoj per okazaj mallongaj rakontoj la necesecon kaj la instituciojn de „Ika“ kaj fine oni invitu ilin, aliĝi al „Ika“ kiel individuaj membroj.

Alia maniero: La membroj de loka grupo tre ofte estas samtempe anoj de diversaj katolikaj unuiĝoj aŭ societoj. Tie ili povas paroladi okaze pri „Ika", ili povas influi la lokan grupon de ilia faka aŭ profesia unuiĝo, ke tiu aliĝu kiel eksterordinara membro al „Ika"; plue, la lokaj grupoj tiamaniere varbitaj povas inviti la koncernan nacian organizaĵon, ke ĝi aliĝu al „Ika". La loka grupo devas sisteme influi ankaŭ la lokan aŭ nacian gazetaron per mallongaj noticoj kaj informoj pri la en- kaj eksterlanda „Ika"-movado, pri la institucioj, la sukcesoj, la kongresoj de „Ika" ktp. Eble oni povas verkigi malgrandajn artikolojn pri la taskoj, la celoj, la organizo de „Ika" ktp. Precipe estas utile, ke oni ĉiam rekomendu la oficialan organon de „Ika", sciigante pri ĝia enhavo, ĝiaj ĉefaj artikoloj kaj informoj ktp. La organizado de gazetara komisiono laŭ la bonega de S^ro^ Pastoor propono aŭ de ĵurnalista rondo certe estos tre utila entrepreno.

Alia tasko tre necesa estas sendube la starigo de la „Ika"-delegitaro. El la mezo de la supre menciitaj katolikaj „internaciistoj" oni elektu lokajn kaj fakajn delegitojn. Tiu delegitaro estas kvazaŭ grandmaŝa reto etendita super la tuta terglobo. Tie, kie jam ekzistas loka grupo, tiu grupo proponu la tiulokan delegiton. La adresoj de ĉiuj delegitoj estos publikigataj en la oficiala organo de „Ika" kaj tiam en „Ika"-adresaro.

La starigo de „nacia ‚Ika'-komitato" estas projekto tre pripensinda. Tia institucio estas kvazaŭ la demokrata parlamento de „Ika" en ĉiu ŝtato. Ĉiuj fakoj de katolika agado devas havi reprezentantojn en ĝi; se iel eble, oni prenu la delegitojn por tiu komitato el la plej grandaj fakaj organizaĵoj de la ŝtato. Neniu diru, ke oni nun ne povas starigi tian nacian komitaton, ĉar la naciaj organizaĵoj ne povas decidiĝi pri tuja kunlaborado. Tio ja povas esti; la situacio estas tute diferenca en la diversaj landoj. Sed oni eble aliamaniere povas fondi nacian komitaton de „Ika". Ekz. oni starigu el la mezo de la supre menciitaj katolikaj „internaciistoj" malgrandan preparan komitaton. Se oni povas elekti el la plej grandaj naciaj fakaj organizaĵoj membrojn por tiu prepara komitato, tio certe estas tre utila Tiu komitato invitu skribe aŭ per vizitoj la estraranojn de ĉiuj naciaj katolikaj organizaĵoj al kunveno, dum kiu oni starigos nacian komitaton. Plue oni invitu personojn de la katolika agado, kiuj supoze kunlaboros ĉiuokaze. Oni atentu, ke tiuj personoj apartenu al la diversaj fakoj de la katolika agado, por ke oni eventuale povu proponi ilin kiel fakajn delegitojn. Se ili estas membroj de la koncernaj fakaj organizaĵoj kaj samtempe Esperantistoj, tiam estas des pli bone. Antaŭ la oficiala konferenco la prepara komitato en malgranda kunsido pripensu detale la fondon de la nacia komitato. Precipe oni starigu provizoran liston de delegitoj proponotaj por elekto. En la konferenco mem oni unue raportu pri la fondo, la celadoj kaj la institucioj de „Ika" ĝenerale kaj pri la taskoj de la membraro de la nacia komitato speciale. Oni eble akcentu, ke Esperanto estas nur la ilo por „Ika", ke ne ĉiu membro de la di-

versaj organizaĵoj kunigotaj en „Ika“ nepre devas lerni Esperanton, ke la vere Kristana internaciismo, bazita sur la amo kaj la justeco, tute ne estas kontraŭ vera naciismo ktp. El la sekvonta diskutado oni povos diveni la intencojn de la ĉeestantaj reprezentantoj de katolikaj organizaĵoj. Se ili deklaras, ke ili ne povas aliĝi kiel delegitoj de ilia organizaĵo, oni eble petu, ke ili provizore persone, kiel fakaj delegitoj, ne kiel reprezentantoj de organizaĵo, kunlaboru en la nacia komitato. Ĉiuokaze el la mezo de la ĉeestantoj oni elektigu provizoran liston de komitatanoj ampleksantan la delegitojn por ĉiuj diversaj fakoj de katolika agado (laborista, virina, junula, studenta, metiista, porpaca, porsobreca, kaj kompreneble religia) kaj el la diversaj regionoj aŭ provincoj. Se tiam la profesiaj kaj fakaj organizaĵoj aliĝos al „Ika“, ili mem elektos reprezentanton, kiu estos ilia oficiala faka delegito en la nacia komitato.

Se ankaŭ tiu ĉi vojo ŝajnas nuntempe ne utila, oni tamen eble povas starigi provizoran nacian komitaton simple tiel, ke oni el la jam ekzistantaj katolikaj „internaciistoj“ elektas por la diversaj fakoj de katolika agado po unu reprezentanton, plue por ĉiu regiono aŭ provinco ankaŭ po unu reprezentanton. Tia komitato estas, kune kun la lokaj delegitoj, la organiza fundamento de la nacia „Ika“-movado kaj la kunlaborantaro necesa por la nacia direktoro.

Pripensoj kaj proponoj . . eble pli bonaj estos prezentataj de „Ika“-amikoj. Ĉies proponoj estos bonvenintaj. Ankaŭ tia kunlaboro helpos al realigo de nia devizo: „Ĉiam antaŭen kun Kristo“!

Graz. Kasparo Mayr.

---

# Katolika Ligo de la Popoloj.

De Dro P. Aŭgusteno Galen, O.S.B., en „Das Neue Reich“ (La nova regno), Wien.

Ekzistas ideoj, kiuj kvazaŭ estas en la aero, kiuj sin altrudas, ideoj, kiuj havas lastan sian originon en la homa naturo. Tia ideo ankaŭ estas la kuniĝo de samideanoj. Hodiaŭ oni aŭdas la postulon je praktika unio de ĉiuj katolikoj ĉiam de nove, ĉie. Ĝi ŝajnas efektive kuŝi en la aero. Ne mirinde: tiu penso ja estas eminente katolika. La plimulto de la homaro sentas: en la eklezio kuŝas netera, ideala, la mondon venkanta potenco, la antidoto kontraŭ la materialismo, kies detruantan efekton la tutmonda milito al ni montris en teruraj bildoj kaj ankoraŭ ĉiam pruvas en ĝiaj sekvoj. Ankaŭ de alia flanko oni provis konstrui baron kontraŭ la disigantaj potencoj, kiuj dum la lastaj jaroj nian malfeliĉan Eŭropon transformis en ruinkampon. La Wilson'a Ligo de la Popoloj faru tiun miraklon, kuracu la homojn de ilia pagana egoismo kaj troigita nacionalismo per sia mizera, pure tera, idealo, sen Dio.

Sed jam hodiaŭ ĉiu, kiu volas vidi, povas ekkoni, ke eĉ tiuj ne vivas harmonie, kiuj estigis la Ligon de la Popoloj kiel baptopatroj. Materio estas regebla nur per spirito, teraj interesoj por daŭro nur per superteraj povas esti kompensataj. Se tial ni katolikoj trans la limoj de la landoj, eĉ trans la lasitaj post ni pafistofosoj volas preni reciproke la manojn, ni tion faras, sciante, ke nur en la katolika eklezio kuŝas tiu forto, kiu povas repacigi la kontrastojn inter la popoloj. „Tio estas la venko, kiu superas la mondon, via kredo."

Ekzistas serio de kaŭzoj, kiuj devigas nin katolikojn al repacigo de la internaciaj kontrastoj. Antaŭ ĉio ja nur laŭ tio, ke la kontrastoj inter ni kaj niaj eksterlandaj samkredaj fratoj volas konstrui muron. Antaŭ ĉio la ordono de Kristo. Ekspreseе Li diras: „Tion mi ordonas al vi, ke vi amu unu la alian." Nenio, ŝajnas, al Li estis pli grava. Lian kortuŝantan ĉefpastran preĝon trasonas ĉiam ree la deziro je unueco inter la Liaj: „Sankta patro, gardu en via nomo, kiujn vi donis al mi, ke ili estu unuecaj kiel ankaŭ ni . Mi ne nur petas por ili (la apostoloj) sed ankaŭ por tiuj, kiuj kredos je mi per ilia vorto, ke ili estu unuecaj kiel vi, patro, en mi kaj mi en vi, ke ankaŭ ili estu unuecaj en ni; ke la mondo ekkonu, ke vi sendis min. Mi donis al ili la gloron, kiun vi donis al mi, ke ili estu unuecaj kiel ankaŭ ni estas unuecaj . . ke la amo, per kiu vi amis min, estu en ili kaj mi en ili . (Joh. 17). Pli klare la Sinjoro efektive ne povis esprimi sian deziron je unuiĝo de la katolikaj popoloj. Ties realigo devas pruvi al la mondo la verecon de lia Mesia sendo kaj esti la plej konvinkanta apologio de katolika kredo. Kaj, se la Savinto en alia loko deklaras kiel sole valora pruvo de vera amo, ke Lia volo estas plenumata, ni tian amon je Kristo ne pli klare povas pruvi ol per la plej intima unuiĝo, obeante lastan Lian volon. Tiam ankaŭ jena Biblia vorto plenumiĝos: „Ipse est enim pax nostra" („Li ja estas nia paco"). Vere, paco, kiu per Dia forto povas malhelpi ĉiun estontan militon. En tiu senco la sacerdoto diras en la komenco de „Canon" kiel ankaŭ post la pacopreĝo de „Agnus Dei", Dio volu „coadunare" sian eklezion! Post tiel klare deklarita volo de nia Sinjoro neniu miros, se Lia anstataŭanto sur la tero neniam laciĝas, proklami tiun saman evangelion de la katolika amo. La aspirego de lia koro eĉ igis la Sanktan Patron telegrafi al nova prezidanto de Francujo post lia elekto: „Ni ne dubas, ke la Dia providenco al via funkciado kiel prezidanto rezervis la belegan kaj glorplenan taskon, sukcese kunlabori je tiu repacigo de popoloj, je kiu sopiras la tuta mondo." Oni povas imagi, ke la Sankta Patro trovas ankoraŭ tute aliajn kaj pli varmajn korsonojn, se li restadas inter liaj intimuloj. En la sekreta konsistorio kaŭze de la elekto de kardinaloj li aludis per kortuŝantaj vortoj la devon, ĝuste de la katolikaj popoloj, ke ili ĉiuj rezignu je reciproka malpaco. En la respondo ĉe la almeto de biretoj la kardinalo Bertram diris en la nomo de la ceteraj kardinaloj: „Ni promesas, ke ni fervore kaj

fidele efektivigos la deziron de Via Sankta Moŝto, tiun deziroñ je reunuiĝo de la nacioj per la ligilo de la amo de Jesuo Kristo.“

En sia lasta ĉefpastra letero al la Germanaj episkopoj la Sankta Patro ripetas sian penson: „Honorindaj fratoj“, li skribas, „ĉiu el vi devas uzi la tutan influon de lia sankta pastro-ofico, por sanigi la spiritajn vundojn, kiujn la milito batis al la popoloj. Precipe same kiel ĉiu malama sento kontraŭ alilandanoj, kun kiuj oni estis en stato de milito, tiel ankaŭ kontraŭ la propraj samregnanoj de alia partio devas esti forigata kaj malamo kompensata per tiu frateca amo al proksimuloj, kiu nek barilojn konas nek limojn ñek klasajn batalojn. Ni ripetas tie ĉi nian deziron, kiun ni esprimis dum la lasta konsistorio, nome, ke homoj kaj popoloj ree interfratiĝu en Kristana amo al proksimuloj, ĉar sen ĝi ĉiu pac-kontrakto estus sen utilo.“ Kaj al Francujo la papo Benedikto XV<sup>a</sup> la 16<sup>an</sup> de Oktobro, la datreveno de la inaŭguro de la baziliko Koro de Jesuo sur Montmartre, sendis saman admonon: „La amo al proksimuloj devas etendi sin al ĉiuj, eĉ al niaj malamikoj, ĉar ni ĉiuj estas unuigitaj per la ligiloj de frateco kiel infanoj de sama patro, aĉetitaj per la sama sango de Kristo . . .

Se nun ni volas prezenti al la Dia Koro de Jesuo la adoron, kiu al Li estas la plej agrabla, ni devas rebruligi en niaj koroj la duoblan amon al Dio kaj al la homoj, eĉ, se tiuj estus aŭ estus estintaj niaj malamikoj. Ĉiuj do memoru je tio, ke la Sinjoro pardonas al ni niajn pekojn nur, kondiĉe, ke ni mem pardonas tiujn, kiuj al ni faris malbonon. Antaŭ ĉio estas la tasko de la klerikaro, memorigi per vortoj kaj agoj tiun devon al la popoloj, tiom pli, ĉar sanigo de tiom grandaj malbonoj, kiajn kaŭzis la tutmonda milito, kaj daŭra paco apenaŭ estas espereblaj, se ne la koroj kaj la popoloj interpaciĝas.“ Tiam la papo resumis ĉiujn tiujn admonojn en aparta encikliko. Kion tiel Kristo kaj Lia anstataŭanto ĉiam denove radikigas en la korojn de la katolikoj, tio estas postulata ankaŭ de la intereso de katolika vivo en la diversaj landoj. Tie la eklezio povas havi domaĝon, tie ĉi ĝi eĉ povas perei kelkamaniere, tie en la diversaj landoj ne valoras la esperplena kaj nepereigebla promeso de Kristo „non praevalebunt“, kiu sola garantias al la tuta eklezio nedetrueblan daŭron. Por garantio de libera praktikado de la kredo en la diversaj landoj ni do bezonas la kvazaŭ naturan ilon, kiu konsistas el intima internacia unuiĝo de la katolikoj. Sed, kiel estis ofte ĝis nun? Oni aŭdis, ke tie kaj aliloke en la plej diversaj mond-regionoj ekbruliĝis batalo kontraŭ la eklezio — eĉ lastatempe oni eksciis ankoraŭ pri terura persekutado de la katolikoj en Meksikujo; oni ektimegis, oni preskaŭ ne emis kredi, ke tielaj aferoj estas eblaj dum la 20<sup>a</sup> centjaro, sed oni estis ankaŭ kontenta per tiu ektimego. Similo estis ĝiatempe pri la kulturbatalo en Germanujo, similo pri la ekleziaj persekutadoj, kiujn Francujo travivis. Tia indiferenteco praktike pri niaj eksterlandaj samkredaj fratoj fine devas ĉesi. Ĉiu katolika popolo sur la tero devas propigi al si la Paŭl'an vorton: „Quis infirmatur et ego non infirmor?

Quis scandalizatur, et ego non uror?“ La katolika sankta interes-komuniĝo devas ekzisti ne nur ideale, sed ankaŭ devas esti praktikata, kaj, kie ajn la pordoj de infero malfermiĝas, por ellasi liberaj siajn arojn kontraŭ parto de la Kristana ŝafaro, tie la tuta katolika Kristanaro devas efikigi tutan sian publikan politikan influon, por refuti la atakon. En tempo, kiam ĉiuj revas pri libereco kaj parolas pri libereco, ĉiu, viro kaj virino, plej energie devas pledi por la granda bono, kiu estas inter ĉiuj surteraj bonoj la plej kara al la eterna Dio, laŭ la vortoj de S$^{ta}$ Anselmo: La libereco de Lia eklezio. Kion mi tie ĉi diras, fakte estas kompreneblaĵoj el si mem. Certe; sed tiaj, kiaj dum la sinsekvo de la okazintaĵoj en la mondo ofte kaj ofte estis forgesataj. Kaj tial povis estiĝi la riproĉo, ke la „eklezio“ dum la tutmonda milito ĉesis funkcii, ne havigis la moralan forton, por malhelpi, respektive fini, la sinmortigon de Kristanaj popoloj. Antaŭ ĉio cetera tia riproĉo kontraŭ la eklezio energie devas esti refutata. Le eklezio ne ĉesis funkcii. Se oni estus obeinta ĝiajn instruojn, ne povus esti veninta tia amasa mortigo. Nur la defalo for de la eklezio kaj de ĝiaj instruoj venigis ĝin kaj devis venigi ĝin.

Sed ankaŭ alie tiu riproĉo estas parte farizea: oni dum dekjaroj en multe da landoj pli malpli ligis la manojn al la eklezio, oni malhelpis ĝian plenan floradon, male, oni lasis libera la vojon al ĉiuj kontraŭ-Kristanaj potencoj — kaj nun oni plendas pri la sola ebla resulto de tia politiko. Sed, ni katolikoj ne devas kontentiĝi, konstatinte tion. Kvankam ĝi estas sendube vero, tamen ni ankaŭ estas kunkulpaj pri la pereo, tial ĝi trafas ankaŭ nin kun la ceteraj. Aŭ, ĉu eble ne ankaŭ ni estis infektitaj per la materialismo, per la spirito de malobeemo, kiu fine en kelke da landoj kondukis al la revolucio kontraŭ ĉiu legitima aŭtoritato? Ĉu ni ne ankaŭ estis infektitaj per pagana nacionalismo, kiu starigas altaron al popolaro kaj pro tiu idolservo forgesis la ordonon de amo laŭ Kristo? Tia esplorado de konscienco, kiu per malfermitaj okuloj rigardas en la propran koron kaj observas la emojn en la propra katolika popolo, ree kondukas nin al sama ekkono, ke nur la ama kuniĝo de ĉiuj katolikoj donos al ni la forton, triumfi pri la teruraj spiritaj difektoj de nia tempo. Ankaŭ tie la unueco fortigos, kaj tiuj landoj, en kiuj floras la katolika kredo kaj lumas la katolika amo, disdonos da ilia riĉeco al tiuj samkredaj fratoj, en kies landoj sin montras malpli granda riĉeco de katolika vivo. — Ĉu ne estas hontinde, ke la unua demonstracio pri la malkonstruado de malamo de popoloj — se ni ne atentas la multnombrajn admonojn de la Sankta Patro — havis sian originon ĉe ne-katolikoj? La „Fellowship of reconciliation“ en la London'a Memorial Hall, la 11$^{an}$ de Decembro pasintjara, aranĝis kunvenon, dum kiu jena Kristnaska anonco al Germanujo estis destinata: „La tie ĉi kunvenintaj Britujaj regnanoj, kiuj kunvenis, por priparoladi la Kristanan internacion, sendas Kristnaskajn salutojn al la Germana popolo kaj al la ceteraj landoj, kun kiuj ĝis antaŭ nelonge nia lando interbatalis.

Ni kredas, ke estas unu el la plej gravaj kaj Kristanaj devoj, labori por la restarigo de plenaj kaj bonaj rilatoj inter la popoloj . . En la spirito de repaciĝo, en la deziro je komuniĝo en servo al la homaro, kaj sekvante la voĉon de Kristo, kiu tuŝas niajn korojn, reciproke ni volas premi la manojn, por konstrui la veran internacion . . ."

Oni vidas: ĉie, kie sin montras en la formo Kristana karaktero, esprimiĝas ankaŭ la sento, ke en la ĥaoso de nia tuta kulturvivo la amo de Kristo, alportita al la tero, kaj la moralo estas la sola efika kuracilo, kaj, ke nur la Kristaneco povas transpontigi la internaciajn kontrastojn. Ankaŭ tie ĉi la deziro je internacia komuniĝo, kiun havas similamaniere kiel bazon la intencata „kongreso tutmonda de la Kristanaj religioj", kiu celas universal-union de ĉiuj Kristanaj eklezioj. Tiu penso havas kiel aŭtorojn Amerikajn episkopojn de la Protestanta episkopa eklezio kaj volas starigi en Genova daŭran internacian komisionon, kiu estas intencita kiel centro de tiu unuiĝo. La preparanta ĝin komitato jam travojaĝis grandan parton de Ameriko kaj de Eŭropo, por propagandi tiun ideon kaj eĉ provis interesi pri ĝi la Sanktan Patron, kompreneble sensukcese. Benedikto XV^a^ la respondon, kiun li donis al la komisionaj membroj dum aŭdienco, poste skribe sendigis al ili. Ĝi estas jena: „Kun la plej bona danko pro via vizito la Sankta Patro deklaris, ke li, estante posteulo de la sankta Petro kaj gubernisto de Jesuo Kristo, havas neniun pli ardan deziron ol, ke estu unu ŝafaro kaj unu paŝtisto. Lia Sankta Moŝto aldonis, ke la praktiko de la Rom'a katolika eklezio, koncerne la unuecon de la videbla Kristana eklezio, estas bone konata de la tuta mondo; el ĝi sekvas, ke la katolika eklezio ne povus partopreni iun kongreson laŭ la maniero de Conference universelle. Malgraŭ tio, Lia Sankta Moŝto tute ne intencas, malaprobi la rilatan kongreson por ili, kiuj ne estas unuigitaj kun la seĝo de la sankta Petro — male, li deziregas kaj preĝas por ili, kiuj partoprenos la kongreson, se ĝi realiĝos, ke ili per la Dia graco vidu la lumon kaj unuiĝu kun la videbla kapo de la eklezio, de kiu ili estus akceptataj per malfermitaj brakoj." En tiu respondo estas deponitaj la principoj, kiuj por ni katolikoj devas esti kompetentaj por la ankaŭ alilokе ekzistantaj provoj, produkti Kristanan union. Per tio, sen atento pri ĉio alia, estus forprenita la puŝforto de la katolika unuigema movado, kiu bazas ĝuste sur la praktika efektivigo de ĝiaj klaraj, hardaj, kiel ŝtalo, principoj. Sekve, ni volas kaj ni devas resti inter ni. Kio tamen tute ne ekskludas, ke la nekatolikaj Kristanoj unuiĝu ankaŭ internacie, por ke ili, laŭ ilia povo, defendu la restantajn ankoraŭ al ili rezervitaj bonojn de Kristaneco.

Disiĝe marŝi kaj kuniĝe venki, tio povas kaj devas esti la parolo ankaŭ tie ĉi. Se per tio estus enkondukata la tempo, en kiu ĉesus la malkaŝa aŭ kaŝa batalo de alikredaj Kristanoj, jam tio sola estus grandega gajno por la ĝenerala internacia kaj nacia paco.

(La fino sekvos.)

# La unua kongreso de katolikoj en Litovujo.

Dum la tagoj de la 3a ĝis la 5a de Januaro de la nuna jaro en Kaunas, la ĝistempa ĉefurbo[1]) de tiu respubliko, estis la unua kongreso de Litovaj katolikoj de la libera kaj sendependa Litovujo[2]) — la unua, de kiam ilia patrujo fariĝis katolika lando.

La 3an de Januaro estis je la 11a antaŭtagmeze en la katedralo de la eparĥio de Žemaičiai antaŭkongresa Diservo. La sanktan meson diris la episkopo Francisko Karevičius. Ĉe la orgeno kantis famaj gesolistoj. La Diservon ĉeestis la Litovuja prezidanto Sro A. Stulginskas kaj aliaj ŝtataj induloj.

Post la meso la episkopo diris gravan parolon al delegitaro de la katolika Litovujo. Per fortaj vortoj li vigligis al organiziĝo en societoj, por tiamaniere iri en la popolon kaj labori laŭ la ordonoj de Krista instruo kaj la montroj de la papo Leono XIIIa.

De la 12a ĝis la 5a vespere la gekongresanoj estis registrataj.

Je la 5a, kiam la kongreso devis esti malfermata, la urbodoma salono — la ejo de la kongreso — jam estis plenigita de gekongresanoj; proksimume 700 gedelegitoj de diversaj katolikaj organizaĵoj kaj aliaj agemuloj ĉeestis. Multaj venintoj devis foriri, pro manko de loko.

Sur la unuaj seĝoj oni vidis: Pon Karevičius[3]) la episkopon de Žemaičiai, kun la sufragano F. Skvireckas, la prezidanton de la Litovuja respubliko Sron A. Stulginskas, la ministron por Eksteraj Aferoj Dron F. Purickas, la ministron por Popolinstruado, Sron R. Bizaŭskas, la vicprezidanton de la respublika konstituanto (Steigiamasis Seimas) Pron J. Staŭgaitis, du Francujajn gastojn speciale alveturintajn — la bonfama katolika gvidanto kaj parlamentano Sro Marc Sagnier kaj Pro Quenet —. Antaŭ la komenco de la kunsido la kunvenintoj preĝis al la Sta Spirito por helpo.

La kongreson malfermis Pro J. Vailokaitis, la prezidanto de la Litovuja Katolikagada Centro. En la prezidantaron estis invititaj kiel honora prezidanto la episkopo Pro Karevičius, kiel prezidantoj Proj J. Staŭgaitis, kanon. A. Grigaitis, Sroj Noreika kaj Mastaŭskas, kiel sekretaioj Pro Vaitiekunas, Sroj M. Bagdonas kaj J. Kaŭpas.

Kiam la prezidantaro estis okupinta la sidejojn, komencis gratulaj paroloj. La unua gratulis la kongreson la episkopo Pro Karevičius, post li la ŝtata prezidanto A. Stulginskas, esprimante la penson, ke, kune kun la politiko, devas iri la virto kaj la kulturo. La kanon. A. Grigaitis gratulis la kongreson en la nomo de la Scinai'a episkopo A. Karosas, kiu ne povis ĉeesti[4]); plue gratulis diversaj Litovaj katolikaj societoj kaj organizaĵoj per gedelegitoj, nome: la Konstituanta Bloko de Kristanaj Demokratoj, la Centro de la Partio de Kristanaj Demokratoj, la Partio de Progreso Popola, la Unuiĝo de perlaboristoj, la Presa societo de S. Kazimiro, Patrinjo, la katolika Esperantista societo, Luno, Lumilo, la laborista societo de S. Jozefo, la societo de la infano Jesuo, la Labora federacio, la societo de S. Zito, la katolika societo virina k. a.

Pli longan gratulan parolon diris Francalingve Sro Marc Sagnier, kiu elokvente difinis la lozangojn de lia popolo — la liberecon kaj la justecon. Li montris, ke katolikeco unuigas Francujon kun Litovujo. Se en diplomataj aferoj, li diris, estas rimarkebla pli da simpatio al la Poloj, tio okazis, ĉar Francujo ne estas bone ekkoninta Litovujon. Mi volas, diris la gasto, ke la

---

[1]) La efektiva ĉefurbo de Litovujo estas Vilnius, kiun nuntempe la Poloj havas en la manoj.

[2]) Kiu volas iomete koni Litovujon, legu „El la proksima Oriento" de J. H. Krestanov.

[3]) Li estis Honora komitatano de nia VIa.

[4]) Nuntempe la episkopo A. Karosas estas forpelita de la Poloj el lia rezidenc-urbo Scinai kaj vivas en la Mariampola Mariana monaĥejo.

Litovoj konfidu Francujon, kaj, reveninte hejmen, mi raportos al miloj de miaj samlandanoj pri la noblaj celoj de Litovujo.

La episkopo Pro Karevičius dankis Sron Sagnier pro lia favora parolo.

Post li parolis la dua Franca gasto Pro Quenet, kiu, trakondukinte paralelon inter la katolikeco de Francujo kaj de Litovujo, esprimis la esperon, ke ambaŭ tiuj popoloj alproksimiĝos unu al la alia, ĉar ilin ambaŭ kunigas unu religio, kaj ambaŭ popoloj klopodas, atingi liberecon.

Pro F. Staŭgaitis respondis al ambaŭ gastoj, rimarkigante, ke Francujo neniam estis perdinta la religion, nur, ĝi batalis por ĝi. Do, Litovujo, ebliginte, forpuŝi de si la Rusan ortodoksecon de la pasinta tempo kaj nun venkinte la kontraŭreligiajn fluojn en la politiko, havigas fundamenton, por ekzisti; tial la katolikoj en Francujo tute povas subteni la celojn ankaŭ de Litovujo.

Post tiuj paroloj la alvenintaj gratultegramoj de la virina Societo el Telŝiai kaj de la Ĉeĥoslovakuja Popola Partio estis laŭtlegataj kaj akceptataj kun granda aplaŭdo.

Laŭ propono de la prezidantaro la kongreso akceptis kaj aprobis jenan tekston de telegramo al Lia Papa Moŝto:

„Aranĝinte la sendependan ŝtaton de Litovujo, ni gekatolikoj, regnanoj de Litovujo, gvidataj de la episkoparo, multnombre kaj libere kunvenintaj en la unuan Litovujan katolikan kongreson, kunvokitan de la Katolikagada Centro, kiu kunigas ĉiujn katolikajn societojn, havas la honoron, esprimi al la Apostola Seĝo la plej humilan sindonemecon kaj elpetas benon por niaj agoj“

La Rutena gasto, pastro Cikota, elkore gratulis la kongreson Rutenlingve, akcentante, ke la Litova popolo donis al la Rutena unuan lumon, kaj, ke la Litovuja estos instigo al iama Rutena katolika kongreso.

Post la gratulparoloj Dro Tomaŝaitis prezentis raporton pri: „Katoliko, inteligenta kaj lia rolo en popola societo.“ Li montris, ke la nuna ruiniĝo de la ŝtatoj estas konsekvenco de unuflanka kulturo. Por ke tiu malfeliĉo plu ne venu, oni devas anstataŭ unuflanka starigi ĉiuflankan kulturon, konsistantan el kvin fundamentaj elementoj: ekonomio, scienco, etiko, virto kaj religio. Do, estas devo de katoliko inteligenta, vivigi tiun kulturon en li mem kaj en la popolo.

La 4an de Januaro la kunsido komencis je la 9a matene. Pro Miele̓ŝka kaj Andziulis menciis al Dro Tamoŝaitis, ke li en la raporto estis doninta tre malmulte da praktikaj scioj kaj ne sufiĉe akcentis la gravecon de la religio en la vivo de la unuopaj homoj kaj de la popola societo. La raportinto klarigis tiam la sintenon en tiu direkto.

La kongreso akceptis la tagordon de la kunsidoj kaj Pro J Jumas, fama beletristikisto kaj publikigisto, legis raporton pri: „Katolika agado en pli fruaj tempoj.“ Elokvente li montris, ke nur malaltigitoj estos benataj. Fiero kaj profitego malmoligas la korpon kaj la spiriton, persekutadoj do, kvazaŭ el ŝtono puŝas fajron. La Protestantismo ne malbonigis la katolikan Litovujon, ĝi nur igis fondi ĝin belan komencon de literaturo kaj de arĥitekturo. La Rusa persekuto elvokis la spiriton de kontraŭstaro. La socialismo devigis la katolikojn, suferi periodan subpremon.

Post tiu raporto jenaj komisionoj estis elektataj: instrua, presa, katolikagada, por projektoj k. a. Pro F. Vailokaitis raportis pri la laboroj de Katolikagada Centro, kiu kunigas ĉiujn katolikajn societojn en Litovujo. La Centro dum la pasinta jaro eldonis por la katolika agado en la lando $^1/_2$ milionon de Aŭks. (= Mkoj).

Dro K. Jokantas legis raporton: „La katolikoj kaj la politiko“. Li atentigis pri la manko de religia scio en la popola societo kaj ĉe laikaj katolikoj inteligentaj kaj montris la devon por la pastraro, iri en la popolon kaj influi la politikon.

Post la tagmanĝa paŭzo Dro Ŝalkaŭskas legis raporton: „La Kristana politiko kaj la travivata momento.“ Profunde science li disvolvis la krizon de Kristana konsidero kaj la problemon de Kristana politiko, starigis la idealon de Kristana popola societo, lumigis la ŝatigon de efektiveco en ideala lumo kaj la fundamentojn, por efektivigi tiun idealon.

Post diskutoj pri la raportoj kaj la klarigo de la raportintoj estis pritraktata la temo: lerneja demando. Dro A. Maliaŭskas starigis kiel necesan kondiĉon, ke la katolikoj havu nur katolikajn lernejojn; li montris la devon, subteni la privatajn katolikojn lernejojn. Multaj aliaj parolantoj esprimis siajn opiniojn pri la privataj lernejoj.

La 5an de Januaro la kongresanoj pritraktis la novan regularon de la Litovuja Katolikagada Centro. Pro Vailokaitis raportis, kaj proks. 10 personoj partoprenis la diskutadon. Fine oni decidis, akcepti la regularon kaj lasi al la Centro. bonigi mankojn en ĝi.

Raporton Pro Vaitkevičius legis pri „kompato, bonfaro kaj sociala prizorgado“, montrante la bezonon, aranĝi krom la ŝtataj ankaŭ privatajn bonfarojn.

Prelato Aleks. Dambraŭskas, nia fame konata Esperantisto, raportis pri „Internacio katolika“; li montris ĝian bezonon kaj tuŝis ankaŭ nian belan Esperanton, la plej taŭgan interkomprenilon por la nacioj[1]).

La lasta raporto estis kooperativa demando en Litovujo. Dro A. Maliaŭskas montris, ke la kooperativoj estas komence fonditaj en Anglujo. Marx kaj Bebel, tiuj apostoloj de socialismo, estis grandaj kontraŭuloj de kooperativo. Nur post kelke da tempo la socialistoj komencis zorgi pri kooperativoj kiel iloj por ilia propagando. La raportanto montris la bezonon por la katolikoj, preni la kooperativon en siajn manojn.

Posttagmeze la kongreso akceptis kelkajn rezoluciojn — pri la Centra regularo, pri Kristana politiko, pri kunvoko de 2a kongreso k. a. — Dum la legado de la rezolucioj venis gratulskribo de la Vilniaŭs'a episkopo Dro J. Matulevičius, kiu pro la Pola okupacio ne povis ĉeesti la kongreson.

La kongreson fermis Pro F. Staŭgaitis per viglaj vortoj por la katolika agado. La episkopo Karevičius donis la episkopan benon, kaj la gekongresanoj je la 6a vespere disiris kun altigitaj sentoj. Multon ili aŭdis kaj lernis; ili vidis, kio mankas al ili, kion ili devas fari, ke ili restu liberaj kaj sendependaj.

Vespere la gekongresanoj ĉeestis teatro-prezentadon kaj aŭdis la operon „Traviata“ en Litova lingvo. J. Tijunaitis.

---

# Sciigoj el la Sankta Lando.

Sub la nova Juda ĉefadministranto, Sir H. Samuel, Palestino ĝuas pli grandan pacon kaj trankvilon. Ĉiuj konfesas, ke li estas administranto tre lerta kaj prudenta. Tamen, tio ne signifas, ke ĉiuj estas kontentigitaj. Kontraŭe, se hodiaŭ fariĝus libera plebiscito, ĉu nuna stato aŭ la stato sub la Turka registaro estas preferebla, sendube la granda plimulto de Palestinanoj preferus la staton antaŭ la milito, ne nur Mahometanoj kaj Kristanoj, sed eĉ la plimulto da Judoj, se oni esceptas kelkajn ekstremajn Zionistojn.

Palestino nuntempe estas lando de vivrimedoj kaj loĝejoj plej karaj, de komerco kaj industrio plej malaltigitaj, kaj la nunaj impostoj estas multe pli grandaj ol pli frue.

La ĉefadministranto deziras plenan justecon por ĉiuj, sed la potenco de la mono ne estas daŭre rezistebla, tial la malpli riĉaj ofte suferas kaj suferos. „Bakŝiŝismo“ en orientaj landoj povas ŝanĝiĝi laŭforme, morti ĝi ne povas.

---

[1]) Tiu raporto estos presata en la Litova monata literatura, scienca kaj politika revuo „Draŭgija“ (societo), kies redaktoro estas la raportinto mem.

Nia nelacigebla patriarko faras ĉion por la katolika movado en Palestino. Por inciti la pastraron, li aranĝis tritagan serion de konferencoj kaj de diskutoj en Jerusalem pri problemoj la plej interesaj por la pastra ofico, precipe pri katolika instruado al la junularo. Li kompletigis iom la nombron de pastroj, tre malpliigitan dum la pasintaj jaroj, per ordinacio de 6 novaj pastroj (po 3 en Jerusalem kaj sur la sankta monto Karmel). Li ordonis per cirkuleroj, ke la katekismo en ĉiuj lernejoj kaj kolegioj estu instruata Arabalingve, en la lingvo de la gepatroj, kaj, ke la gejunuloj neniam estu pelataj, konfesi en fremda lingvo; ke krom la gepatra lingvo Araba prefere estu instruata la Angla, por neŭtraligi la malbonan influon de lernejoj Protestantaj prozelitaj; kaj per personaj vizitoj de lernejoj kaj kolegioj li certigis sin pri la plenumo de liaj ordonoj.

Bedaŭre, kelkaj kolegioj katolikaj, kiuj antaŭ kaj dum la milito multe kontribuis al la instruado kaj la edukado katolikaj, ne ankoraŭ povas funkcii, manke de permeso de la gubernio.

Trovaĵon interesegan por ĉiuj Kristanoj faris la filoj de Sta Francisko tre proksime al la ĝardeno de Gethsemani. Jam antaŭ 15 jaroj troviĝis tie la fundamentoj kaj mozaika pavimo de la preĝejo Orationis Domini, rekonstruita de la krucmilitantoj sur la vera loko de la agonio kaj la triobla preĝo de Jesuo. Sed, ekzameninte tiujn fundamentojn, Pro Meistermann, bone konata arĥeologo Franciskana, konstatis iom pli profunde trovaĵon eĉ multe pli gravan, t. e. fundamentojn kaj tre belajn mozaikojn de antikva preĝejo Kristana, menciita jam ĉirkaŭ la 385a a. K. de Sta Silvia aŭ Eteria kiel „preĝejo eleganta, ĝuste en la loko, kie la Sinjoro preĝis". Espereble, la riĉaj oferdonoj de katolikoj Amerikanaj permesos, rekonstrui kun antikva brilego tiun sanktejon tiom riverencindan!

Haifa, apud la Karmel-monto, la 5an de Novembro 1920a.

P. E. S.

---

# La Apostolo de la Hindolandoj.

Kiam malsupreniris Tagon la ŝipo, en kiu enŝipiĝis Zaviero, por iri Hindujon, kaj malfaldis sub la venton sian velaron, malheliĝis per nekutimaj larmoj multaj okuloj; ĉar ĝi portis regimenton el mil viroj, por plifortigi la garnizonon de Goa; nek povis rigardadi la plej brava el tiu brava arego la malproksimiĝantan teron sen la antaŭsento, ke eble neniam li revidus tiujn malpalajn kaŝtanarbarojn kaj riĉajn oranĝejojn kun la pacoplenaj monaĥejoj kaj longe amataj hejmoj ripozantaj ĉe ilia brusto.

La vizaĝo de Zaviero sola radiis je plezurego. Li sciis, ke neniam li plu paŝos siajn naskiĝajn montojn; tamen li ne estis ekzilito. Li devos konfidi je la bonfareco de la kunvojaĝantoj por nutraĵo kaj vestaĵo; sed nenia penso pri la morgaŭa tago lin maltrankviligis. Li estis konvertonta naciojn, kies lingvon kaj eĉ nomon li ne konis; sed li sentis nenian malfidon. Lacega per senĉesa marmalsano, sin nutrante per la forĵetitaj manĝaĵoj de la plej malgravaj maristoj, kaj sin kuŝante sur la ŝipa ŝnuraro, li faris al la malsanuloj nepriskribeblajn pro naŭzo servojn kaj vivis inter la mortantoj kaj malvirtuloj kiel nelacigebla disdonanto de konsolo kaj paco.

Meze de tiu flosanta amaso li scipovis, krei por si sanktan solecon kaj sin miksi en ĉiujn iliajn okupojn laŭ la libera spirito de mondulo, de kavaliro kaj instruitulo. Al la vicreĝo kaj oficiroj li paroladis, kiel ilin plej plaĉis, pri militado, pri politiko aŭ marveturado; kaj, por deteni la simplajn soldatojn de la vetludado, li enpensis por ilia amuziĝo malpli danĝerajn tempopasigilojn, aŭ eĉ tenis la vetaĵojn, pro kiuj ili ludis, por ke li per sia ĉeesto kaj gaja interparolado almenaŭ povu malpliigi la malmoderaĵojn, kiujn li ne povis malebligi.

En Goa ofendiĝis Zaviero, kaj, se estus estinta la timo elemento de lia naturo, li konsterniĝus je la preskaŭ ĝenerala malbonegeco de la loĝantaro. Ĝi sin montris per tiuj ofendaj formoj, kiuj karakterizas la krimojn de civilizituloj loĝantaj inter pli malforta raso kaj liberigitaj de eĉ la kutimaj konvenaĵoj de la civilizacio. Svingante per la mano sonorilon, li trairis la stratojn de la urbo kaj petegis la mirigitan popolamason, sendi al li iliajn infanojn, por ke li instruu al ili la veraĵojn religiajn.

Kvankam oni neniam lin alparolis per la kortuŝa nomo patro, li sciis, ke ĉe la plej malmola kaj malmorala koro, kiu unufoje eksentis la patran instinkton, estas unu kordo, kiu neniam povas tute malagordiĝi. Rapide oni metis aregon da malgranduloj sub lian zorgadon. Li vivis inter ili kiel la plej laborema el instruistoj kaj la plej dolĉa kaj plej gaja el amikoj kaj tiam resendis ilin domen, por ke ili, per ilia pli sanktigita ekzemplo, tie komuniku kun la tuta elokventeco de fila amo la lecionojn pri saĝeco kaj pieco, pri kiuj oni ilin instruis. Nenia krio de homa mizero ĝisiris vane liajn orelojn. Li fariĝis domano de la hospitaloj, elektante tiun de la lepruloj kiel la objekton de aparta zorgado.

Je tiu tempo, kiel nun, troviĝis ĉe la Malabara marbordo perlofiŝadejo, kaj tiam, kiel nun, konsistigis la perlosubakviĝistoj apartan kaj humilegan kaston. Nur post dekdumonata restado en Goa sciiĝis Zaviero pri tiuj homoj. Li sciiĝis, ke ili estas mizeraj, kaj li ne faris pluan demandon. Ĉe tiu brula bordo sonoris denove lia sonorilo korfavoran inviton, kaj denove kunvenigis ĉirkaŭ li arojn da sciamaj kaj obeemaj infanoj.

Dum dekkvin monatoj li loĝis inter ĉi tiuj humilegaj perloserĉistoj, ilia rizo kaj akvo estantaj sola lia nutraĵo, sin kuŝante en iliaj kabanoj kaj permesante al si nur trihoran dormadon el la dudek kvar. Li fariĝis samtempe ilia kuracisto, la juĝanto je iliaj disputoj kaj ilia propetanto ĉe la Goa'a registaro pri la forigo de ilia jara tributo. Per du interpretistoj lin helpis la episkopo de tiu urbo, sed lia patosa spirito pribatalis iun pli senperan interkomunikiĝon kun lia zorgataro. Lerninte parkere tiutempe por li nekompreneblajn tradukojn de la kredformularo kaj de aliaj simboloj de lia kredo, li deklamis ilin kun tonoj kaj gestoj, kiuj alparolis samtempe la sentojn kaj la korojn de liaj disĉiploj.

Tridek jarojn antaŭ la alveno de Zaviero, Malako estis almilitita de Alfonzo Albuquerque. Ĝi estis loko forlasita al ĉiuspeca sentama kaj moliga sensevereco. Tra ĝiaj densaj stratoj paŝis stranga kaj gravmiena vizitanto, sonorigante sian fidelan sonorilon, kaj fervore petegante la preĝojn de la fideluloj por tiu kulpa popolo. Scivolo kaj malkvietiĝo baldaŭ cedis al mokado; sed la armaĵo de Zaviero estis kompleta. La sendito de la Dia koleregо juĝis, ke ĉi tiu estas maltaŭga okazo, por trudpeti malamon aŭ malestimon. Li

fariĝis la plej gaja el la gajularo kaj, almenaŭ laŭ parolmaniero, la vera modelo de perfekta kavaliro. Malsukcesigitaj je iliaj propraj armiloj, konfesis liaj malbonmoraj sampatrujanoj la nekontraŭstareblan aŭtoritaton de sindono tiel timinda, malpezigata kaj ornamata, kia ĝi estis per ĉia socia ĉarmo.

Tiel prosperis aŭ ŝajnis prosperi la reforma laboro. Stariĝis altaroj sur la stratoj, kaj ĉirkaŭ la konfesejoj sin puŝis amase la pentuloj; multobliĝis tradukoj de piaj libroj kaj la sanktulo, la plej antaŭa je ĉiu laboro, sin metis kun la tuta aktiveco de lia spirito al la studado de la strukturo kaj belsona elparolado de la Malabara lingvo. Tamen ne tiamaniere oni povis haltigi la peston. Kompletigis refalo en ĉiujn iliajn antaŭajn morojn la mezuron de iliaj krimoj. Per profeta voĉo anoncis Zaviero la minacantajn de ĉielo punojn, kaj forskuante de la piedoj la polvon de la malmolega urbo, li daŭrigis sian nelacigeblan vojon al Ambojno.

„Kredu al mi, tre amataj fratoj miaj“, (ni citas el letero skribita tiutempe al la Societo en Romo), „ĝenerale facile estas komprenebla la evangelia sentenco, ke tiu, kiu perdos la vivon, ĝin retrovos. Sed, kiam estas alveninta la tempo por agi, kaj kiam oni efektive devas fari la vivoferon al Dio, ho, tiam, kiel ajn klara alitempe ŝajnas la signifo, ĝi fariĝas profunde malklara, tiel malhela verdire, ke li sola ĝin povos kompreni, al kiu Dio mem, laŭ Lia korfavoro, ĝin interpretos. Tiatempe ni ekkonas, kiom ni estas malfortaj kaj pekemaj.“

Malforta kaj pekema eble li estis; sed de la tagoj de Sta Paŭlo ĝis la niaj elmontras la homara kroniko neniun alian ekzemplon de animo tiel triumfe antaŭenportita tra mizero kaj danĝero sub ĉiuj iliaj plej timigaj aspektoj. Li batalis kontraŭ la malsato kaj soifo, la nudeco kaj mortigo kaj daŭrigis sian amkomision per ĉiam kreskiĝinta fervoro, meze de la plej sovaĝa militado de la inter batalantaj elementoj.

Sur la insulo Moro (unu el la grupo de la Molukoj) li starigis sin ĉe la piedo de vulkano; kaj, kiam la fajra kolono suprenĵetis ĉielen siajn fumgirlandojn kaj ŝanceliĝis sub li la tero kaj de falantaj ŝtonegoj kaj senĉesaj ekfulmoj disfendiĝis la firmaĵo, li montris al la furiozaj fulmaj ekbriloj kaj la riveroj el fandita lafo kaj alvokis la agitatan, al li pro la danĝero alkroĉiĝantan homamason, penti kaj obei la veron.

Sed liaj teraj laboroj kaj planoj nun por ĉiam estis ĉesontaj. Aperis la mortanĝelo kun juĝalvoko, por kiu, de kiam la morto unue eniris la mondon, neniu estis tiel triumfe preparata. Ĝi lin trafis surŝipe forveturontan Siamon. Laŭ propra lia peto oni transportis lin al la bordo, por ke li renkontu kun pli granda trankvileco sian finon. Sternata sur la nuda marbordo, dum la malvarmaj blovegoj de ĥina vintro pligrandigis liajn dolorojn, li kontraŭstaris sola la agoniojn de la febro, kiu eluzis lian vivo-forton.

Estis soluleco kaj agonio, kontraŭ kiuj la plej feliĉa el la homaro bone povus interŝanĝi la plej karan kunulecon kaj la plej purajn vivĝojojn. Estis agonio, dum kiu lia ankoraŭ suprenlevata krucifikso memorigis lin pri multe pli terura por lia liberigo suferita malĝojego — soluleco, kiu svarmis per la feliĉegaj farantoj de paco kaj konsolo, videblaj al la nun sennuba fidokulo je ĉiuj iliaj brilaj kaj belaj aspektoj, kaj aŭdeblaj de la mortanta martiro tra la fleksiĝantaj baroj de lia morta karcero per gajegaj kantoj, ĝis tiam neaŭditaj kaj ne-imagitaj.

Ekŝprucis larmoj el liaj okuloj, larmoj pro tro granda por eldiro emocio, Meze de la malvarma mortdisfalo radilumiĝis dum kelkaj mallongaj momentoj liaj trajtoj, kvazaŭ per la unuaj radioj de alproksimiĝanta gloro. Li levis sin per sia krucifikso, kaj, ekkriante: „In te, Domine, speravi; non confundar in aeternum“, li klinis la kapon kaj malvivis.

Li loĝadis inter la homoj, kvazaŭ por montri, kiom malmulte dependas la homa animo de nura intelekta povo. Ĝi estis lia tasko montri, per kiaj vivigaj radioj koro trapenetrata de la amo al Dio kaj la homo povas varmigi kaj ekflamigi la naciojn, kiel ajn densaj estas la haladzoj, tra kiuj vojiras la giganto de fino ĝis fino de la ĉieloj. Kritikis instruituloj, ŝercis sprituloj, admonis saĝuloj kaj kontraŭstaris lin reĝoj, sed antaŭeniĝis Francisko Zaviero, antaŭenportata de impulso, kiu pistis kaj dissemis al la ventoj ĉiajn tiajn malgrandajn kaj malfortajn kontraŭaĵojn.

En la daŭro de dek mallongaj jaroj soleca vaganto, senigata de ĉia homa helpo — kvazaŭ la Difavoro al li pruntedonis flugilojn kaj la kredo nepenetreblan armaĵon — li trapasis oceanojn, insulojn kaj kontinentojn, tra regiono egalanta la duoblan ĉirkaŭon de nia terglobo, ĉie predikante, disputante, baptante kaj fondante Kristanajn ekleziojn.

Ekzistas almenaŭ unu aŭtentigita miraklo en la historio de Zaviero. Tiu estas, ke mortemulo eltenis tian laboradon kaj ankaŭ estus elteninta ĝin ne nur kun trankvileco, sed, kvazaŭ li obeus al iu nedetruebla neceseco de lia naturo.

Verkis: Leslie Stephen. El Angla lingva tradukis: A. G.

---

# Ofte en silenta sankta...

Laŭ Germanlingva poeziaĵo de O. J. Bierbaum.

Ofte en silenta nokto,
Kiam spiro malfortiĝas
Kaj la luno-falĉileto
Sur ĉielo supreniĝas,

Kiam ĉio silentiĝis,
Ne ekkrias la avidoj,
La animo min regvidas
En la landojn de homidoj.

Kaj mi vidas tiam paŝi
La malcertajn piedetojn,
Vidas la infan-okulojn,
Vidas ankaŭ la manetojn,

Aŭdas el la buŝo puran
Klaran tiutempan diron;
Kaj mi klinas mian kapon
Kaj pripensas min, la viron:

Ĉu vi ĉiam, ĉiam iris
Tiel firme sur vojetoj,
Kiel tiutempe portis
Vin malcertaj piedetoj?

Ĉu vi ĉiam, ĉiam diris
Tiel klare, sen riproĉo,
Kiel tiutempe sonis
El la buŝ' malforta voĉo?

Ĉu vi ĉiam, ĉiam vidis
Tiel pure al vizaĝo
De la suno, kiel iam,
En infana via aĝo?

Supren mi al vi rigardas,
Falĉileto brileganta,
Kaj profunde malgajiĝas
Mi en nokto silentanta.

Esperantigis J. Sch.

# Universala kongreso por la tutmonda katolikaro.

**De la 8ª ĝis la 12ª de Aŭgusto 1921ª en Graz (Aŭstrujo-Ŝtirio).**

La kongreso komencos la 7an de Aŭgusto (dimanĉo) kaj daŭros eble ĝis la 11ª La definitiva daŭro estos fiksata, kiam oni estos havinta ekzaktajn sciigojn pri la nombro de partoprenontoj, la fakaj konferencoj kaj paroladoj laŭeble arangotaj.

## Financa komitato.

La kongreso, okazonta dum Aŭgusto 1921ª en Graz, sendube kaŭzas multe da elspezoj. Ni devas multe propagandi, por ke la kongreso brile sukcesu, plue, la elspezoj de la prepara komitato por la necesa papero, ktp. estas grandaj. Do, ni devas fari ĉion eblan, por egaligi la elspezojn.

La kongres-kotizaĵo (6 Sm. laŭ nacia monvaluto) tute ne sufiĉas por tio. Nur, kiam multe da niaj eksterlandaj amikoj partoprenos, ni povas esperi, ke ni sukcesos ankaŭ en financa rilato. Ke ni havu bonan fundamenton, ni intencas, starigi, same kiel tio okazis por la antaŭaj kongresoj, „Garantian Fundon“, kun enskriboj de 12 Sm. en nacia valuto. Ĉiu samkredano estas petata, se eble, partopreni tiun garantian fundon. Nur kiam la kongreso rezultigus deficiton, la garantiintoj estos petataj, pagi laŭproporcie.

Plue la financa komitato petas, jam nun sendi la kongres-kotizaĵon (6 Sm.), por ke la kongres-komitato efike povu labori, ĉar sen mono tio ne estas ebla. La elspezoj, precipe en Aŭstrujo, estas por ĉio tiomaj, ĉar ĉio estas tiom multekostega, ke ni nepre jam nun bezonas monon, por pagi la plej necesajn elspezojn.

Fine ni direktas al niaj riĉaj samkredanoj la humilan peton, subteni niajn laborojn per mon-donacoj ktp.

Ni ripetas: nur, se la kongreso finance estas bone bazita, ni povas esperi, ke ni atingos belegan sukceson.

Ni esperas je la helpo de niaj samkredanoj kaj estas konvinkitaj, ke ne vane ni esperas.

**La Financa komitato**
de la universala kongreso por la tutmonda katolikaro:
Hans Sappl,
**kongres-kasisto.**

*

## Internacia Katolika Virina konferenco.

Okaze de la universala kongreso katolika oni intencas, arangi specialan konferencon por la internacia katolika virina movado. La provizora komitato de tiu konferenco komencis, starigi inter-

nacian komitaton kaj invitas ĉiulandajn amikinojn al mult-nombra membriĝo en la internacia komitato. Ĉiu kunhelpu!

Oni publikigu nian intencon en la katolika gazetaro, interesigu la naciajn virinajn organizaĵojn pri nia konferenco kaj petu ilin, sendi reprezentantinojn. Oni sciigu al ni la adresojn de la naciaj organizaĵoj, de personoj interesiĝantaj pri la virina movado; oni anoncu sin tuj ĉe la kongres-komitato, faru proponojn ktp.

La taskoj de la katolikaj virinoj en la rekonstruado morala kaj kultura de nia tempo, en la tuta religia, sociala, karita agado estas grandegaj nuntempe! Internacia kunlaborado duobligos niajn fortojn, niajn sukcesojn, nian influon. Se troviĝas sufiĉe da geparto-prenontoj, ni volas aranĝi proprajn sekciojn, eble por la taskoj religia, sociala kaj karita de la katolikaj virinoj.

Proponojn, sinanoncojn kaj demandojn oni sendu al la Organiza kongres-komitato, sekcio virina konferenco, en Graz, Aŭstrujo, Karmeliterplatz 5.

Niaj Wien'aj geamikoj preparas por la kongreso la Esperantigitan teatraĵon „La Savo de la mondo", verkita de S[ro] Ekkert. Koran dankon por la afabla kunhelpo kaj feliĉan sukceson!

La Organiza kongres-komitato.

*

**Aliĝilo. — Membro-karto.**

La oficialaj aliĝiloj de „Ik[a]" nun estas presitaj. Ili enhavas ankaŭ la ĉefajn sciindaĵojn pri „Ik[a]" kaj estas per tio tre taŭga varbilo! Oni mendu ilin tuj ĉe la CAO.

Ĉiu membro de „Ik[a]", paginta la kotizaĵon por 1921 (por membroj jam abonintaj la oficialan organon 1 Hol. Guld., 3 F[koj], 3 M[koj], 3 L[oj] ktp., 6 Aŭstr. K[oj]) ricevas la oficialan membro-karton kaj havas la laŭstatutajn rajtojn de individua membro fiksotajn per detala regularo publikigota de la direktoraro post la voĉdono.

---

# Enketoj.

La praktika laboro estas la plej bona varbilo por „Ik[a]"! Tial ni laboru praktike! CAO aranĝos de tempo al tempo mal-grandajn enketojn pri diversaj fakoj kaj problemoj de la nacia kaj la internacia movado katolika. Por ebligi fruktodonan kun-laboron de la tutmonda katolika frataro, tiaj antaŭlaboroj estas nepre necesaj. Eltiraĵoj el la alvenontaj respondoj, la rezulto, la materialo interesa, specialaj proponoj ktp. estos publikigataj en la oficiala organo. Ĉiu kunhelpu en lia fako, faru proponojn, sendu materi-alon. Tio estas urĝa devo! (Oni kore petas, skribi legeble!)

I[a] Enketo: La ĝenerala katolika movado.

1. Proksimuma nombro de la katolikoj.
2. La ĉefaj organizoj, asocioj ktp. katolikaj *a*) nomo; *b*) adreso de la prezidanto; *c*) de la Centra oficejo; *d*) proksimuma nombro

de la membroj; *e*) speciala fako, eble laŭ jena vico: la ĝenerala katolika movado (ekz. „Volksverein“ k. similaj unuiĝoj), la katolika laborista, virina, junula, studenta, instruista, metiista, oficista, scienca, gazetara, karita, moraleca, sobrula, misia — *a*) eksterna, *b*) interna — ktp. movadoj.

3. La ĉefaj ĵurnaloj katolikaj, la ĉefaj revuoj, la ĉefaj fakaj gazetoj (eble laŭ la supra vico de fakoj): *a*) nomo; *b*) adreso, *c*) ev. speciala fako.

4. La ĉefaj gazetaraj kaj informaj agentejoj (nomo, adreso).

5. Adreso de nacia jarlibro katolika (ni petas, sendi ekzempleron, se eble, al CAO).

6. La ĝenerala situacio de la katolika agado, sukcesoj, malsukcesoj, la plej gravaj taskoj nuntempaj, institucioj, aranĝoj imitindaj, proponoj, precipe, por ebligi internacian interrilaton kun la ilialanda samkredanaro.

IIa Enketo: La Laborista movado.

1. Ĉu ekzistas propra nacia organizo de la katolika laborista movado en via lando?

2. Adreso de la prezidanto, de la Centra Oficejo, de la oficiala organo.

3. Kiom da lokaj grupoj, da membroj (proksimume)?

4. Ĉu la organizo laboras nur por religia, sociala, profesia edukado, por reciproka kunhelpo?

5. Ĉu ĝi agadas ankaŭ en politika rilato?

6. Ĉu ŝajnas utile, prepari internacian komitaton de ĉiuj katolikaj organizoj? Ĉu tio ŝajnas ebla? Sur kiu bazo?

7. Kiu povas sendi adresojn de personoj, kiuj interesiĝos pri la internacia katolika laborista movado?

8. Kiu povas sendi adresojn de personoj, kiuj estos pretaj, funkcii kiel naciaj delegitoj por la internacia katolika laborista movado?

9. Oni faru proponojn por la internacia kunlaborado, por la konferenco eble aranĝota okaze de la kongreso en Graz ktp.

Rimarko. Oni atentigu la naciajn organizaĵojn pri nia enketo. Oni publikigu ĝin en la nacia katolika gazetaro. Oni sendu laŭpove respondojn Esperantlingve (se tio ne estas ebla, ankaŭ en Angla, Franca, Germana, Hispana, Itala lingvoj) al IKACO en Graz (Aŭstrujo), Karmeliterplatz 5.

Dro M. J. Metzger,
ĉef-sekretario de „Ika“.

*

## Komunikoj de la internacia katolika Esperanto-oficejo („IKEO“).

**Nova kunfondanto.**

Pro Ludoviko Koller O.S.B., Göttweig, Aŭstrujo,
1000 Koj.

Koran dankon por la bona ekzemplo el la malriĉa Aŭstrujo!
Vivu la sekvontaj!

# XIII[a] Universala Kongreso de Esperanto de la 31. Julio ĝis la 6. Aŭgusto 1921 en Praha, Ĉeĥoslovakujo.

### V[a] Komuniko.

Teatra prezentado: Oni ludos Esperantlingve tradukitan klasikan ĉeĥan komedion „Noc na Karlštejně“ (Nokto en Karlštejn) de Jaroslav Vrchlický, ĉefa ĉeĥa poeto kaj verkisto.

Faka kunveno: Por sciencistoj organizas D[ro] Kamaryt, profesoro en Bratislava, Tělocvičná 3. — Interesuloj pri fakaj kunvenoj sin turnu al la ĝis nun publikigitaj organizantoj!

Kotizaĵo: 25 Frankoj (antaŭmilita oro-valoro) = 5 Dolaroj, 12 Nederl. Guldenoj, 20 Ŝilingoj, Skand. Kronoj, German. Markoj, 25 Frankoj, Liroj, Dinaroj, Drakmoj, Pesetoj, Ĉeĥosl. Kronoj, Aŭstr. kaj Hung. Kronoj, Polaj kaj Finnaj Markoj ktp. Pluaj samfamilianoj pagas nur 60% de la kotizaĵo. Post la 1[a] de Junio 1921[a] altiĝos la kotizaĵoj je 50%.

Ĉiu pagas en lia ŝtata valuto! La sumon sendu pere de kiu ajn banko al la banko „Bohemia“ en Praha je la konto de la XIII[a] Universala Kongreso de Esperanto, kaj samtempe sciigu pri la aliĝo kaj monsendo la ĝeneralan sekretarion!

Garantia Fundo: Garantiu almenaŭ 100 Ĉeĥosl. K[ojn]!

Donacoj: Ĉeĥosl. komerc-ministerio 10.000 K, D[ro] Zednik en Berlin 100 K, F[noj] Mario kaj Nino Silbersteckenovy 100 K, iliaj lernantinoj 30 K, D[ro] Harna en Holice 10 K.

Adreso: por aliĝoj kaj nur prikongresaj aferoj: Aŭg. Pitlík, ĝen. sekr. de la Loka Kongresa Komitato, Praha, III., Nerudova 40. (Por la respondo aldonu respondkuponon aŭ naciajn poŝtmarkojn!)

La Loka Kongresa Komitato.

Rimarkigo: La redakcioj estas petataj, sendi unu ekzempleron de ilia gazeto al la Loka Kongresa Komitato en Praha!

---

# La Problemo de Lingvo Tutmonda kaj Historio de la Katolika Esperanto-Movado.

(Daŭrigo.)

Dank' al tia konstruo de la lingvo oni povas interkompreniĝi per Esperanto, kun kiu oni volas, tuj kaj kun plena precizeco (per „ŝlosilo“ aŭ eĉ sen ĝi). La sola maloportuneco (ĝis ĝenerala enkonduko de la lingvo) estas nur, ke oni bezonas ĉiufoje atendi, ĝis kiam la interparolanto estos analizinta la frazopartojn.

Por forigi kiom eble ankaŭ tiun maloportunecon (almenaŭ por komunikiĝo kun kleraj homoj), Zamenhof agis jenamaniere:

La vortaron li kreis ne arbitre, sed kiom eble el vortoj konataj al la tuta klera mondo. Tiel ekz. la vortojn, kiuj estas egale uzataj en ĉiuj civilizaj lingvoj, la tiel nomitajn „fremdajn“ kaj „teĥnikajn“, li lasis tute sen ŝanĝo; el la vortoj, kiuj en malsamaj lingvoj sonas malegale, li prenis aŭ tiujn, kiuj estas komunaj al du aŭ tri plej ĉefaj Eŭropaj lingvoj, aŭ tiujn, kiuj apartenas nur al unu lingvo, sed estas popularaj ankaŭ ĉe la ceteraj popoloj. En tiuj okazoj, kiam la donita vorto en ĉiu lingvo sonas alie, li penis trovi vorton, kiu havas eble nur signifon proksimuman aŭ uzon pli maloftan, sed estas konata de la plej ĉefaj nacioj. Ekz. la vorto „proksima“ en ĉiu lingvo sonas alie; sed, se ni prenas la Latinan „proximus“ (plej proksima), ni vidas, ke ĝi en diversaj ŝanĝoj estas uzata en ĉiuj ĉefaj lingvoj; sekve, se ni la vorton „proksima“ nomas *proksim*, ni estas pli malpli komprenataj de ĉiu klera homo.

En la ceteraj okazoj Zamenhof prenis ordinare el la lingvo Latina, kiel duone internacia. Li flankiĝis de tiuj reguloj nur, kie tion postulis apartaj cirkonstancoj, ekz. evito de homonimoj, simpleco de la ortografio ktp. Tiamaniere ĉe korespondado kun meze klera Eŭropano, kiu tute ne lernis la lingvon internacian, ni povas esti certaj, ke li nin komprenos, eĉ sen bezono, tro multe serĉadi en vortaro, kiun li uzos nur pri dubaj vortoj.

Zamenhof mem nomis sian kreitaĵon „Lingvo internacia“. „En tia afero la persono de l' iniciatoro estas tute sen signifo kaj mi volus resti eterne sub pseŭdonimo“ [26]).

Kion li prezentis al la homaro *donace*, ne kiel persona propraĵo, estis kaj restas *bona*. Ĉar ĉio, kion oni devas postuli de lingvo internacia, tio en Esperanto estas plenumita pli komplete, ol oni povis imagi kaj atendi. *Esperanto estas fakte la plej perfekta formo de lingvo internacia ekzistanta en la nuna tempo, kaj ankaŭ la venontaj generacioj ne povos elekti iun alian formon.*

Krom plena neŭtraleco en rilato nacia, Esperanto distingiĝas per la sekvantaj ecoj:

Ĝi estas mireginde kaj *nekredeble facila por lernado*: sen trograndigo oni povas diri, ke ĝi estas almenaŭ *kvindek fojojn pli facila ol ĉiu lingvo natura*. Kiu ne konatiĝis kun ĝi, ne povas eĉ kredi, ĝis kia grado atingas ĝia facileco. „La facileco de ĝia ellernado estas tia, ke, ricevinte Esperantan gramatikon, vortaron kaj artikolojn skribitajn en tiu ĉi lingvo, mi post ne pli ol du horoj da sinokupado havis la eblon, se ne skribi, tamen libere legi en tiu ĉi lingvo“ (Leono Tolstoj).

La 19$^{an}$ de Junio 1907$^{a}$ mortis en Belgujo S$^{ro}$ *Eloi-Josefo Wemaes*, 73-jara maljunulo. Tri jarojn antaŭ lia morto li ellernis *Esperanton* kaj fariĝis fervora kunlaboranto de la internacia gazeto „Espero Katolika“, verkante artikolojn kaj versojn en miriga Esperanto.

Nur tri semajnojn antaŭ la 3$^{a}$ Universala Kongreso de Esperantistoj en Cambridge (1907), la 83-jara profesoro de la

Cambridge'a universitato, Mayor, fame konita en la tuta mondo Latinlingvisto, komencis lerni Esperanton, kaj dum la lasta kunsido de tiu kongreso li jam parolis Esperante.

Tiu grandega facileco de Esperanto venas de tio, ke ĉiuj malfacilaĵoj kaj konfuzaĵoj, kiujn ni ĉiupaŝe renkontas en lingvoj naturaj, en Esperanto estas aŭ tute elĵetitaj kiel superflua balasto, aŭ alkondukitaj al unu aŭ du mallongaj vortetoj aŭ reguloj, sen iu, eĉ la plej malgranda, difekto por la fleksebleco, riĉeco kaj precizeco de la lingvo. Zamenhof simpligis la gramatikon ĝis nekredeblo. **La tuta gramatiko de la lingvo Esperanto konsistas nur el 16 mallongaj reguloj, kiujn ĉiu povas bonege lerni dum unu horo.** Plue, Zamenhof kreis regulojn por la **vortfarado**, kaj per tio li enportis grandegan **ekonomion** rilate la nombron de vortoj lernotaj, ne nur ne deprenante de la lingvo ĝian riĉecon, sed, male, farante la lingvon — dank' al la ebleco, krei el unu vorto multajn aliajn kaj esprimi ĉiujn eblajn nuancojn de iu penso — pli riĉa, ol estas la plej riĉaj naturaj lingvoj. Tion li atingis per enkonduko de diversaj prefiksoj kaj sufiksoj, per kies helpo ĉiu povas el unu vorto formi diversajn aliajn vortojn, ne bezonante lerni ilin.

Pro oportuneco estas donita al tiuj prefiksoj kaj sufiksoj la signifo de **memstaraj vortoj**, kaj kiel tiaj ili estas lokitaj en la vortaro.

Por solvi la problemon, ke ĉiu, kiu lernis Esperanton, povu tuj uzi ĝin por interkomprenigo kun homoj diversnaciaj, tute egale, ĉu tiu lingvo estas akceptita de la mondo kaj trovos multe da adeptoj aŭ ne — t. e., ke la lingvo jam de komenco kaj dank' al propra ĝia konstruo povu servi kiel efektiva rimedo por internaciaj interkomunikiĝoj, Zamenhof aranĝis plenan **dismembrigon** de la ideoj en memstarajn vortojn, tiel, ke la tuta lingvo, anstataŭ el vortoj en **diversaj gramatikaj** formoj, konsistas **nur el senŝanĝaj** vortoj. Se vi prenos verkon, skribitan en la lingvo Esperanto, vi trovos, ke iu vorto sin trovas **ĉiam** kaj nur en unu konstanta formo, nome en tiu, en kiu ĝi estas presita en la vortaro, kaj la diversaj formoj gramatikaj, la reciprokaj rilatoj inter la vortoj ktp. estas esprimataj per kunigo de senŝanĝaj vortoj.

---

[26]) Letero de D^ro^ Zamenhof al S^ro^ Leopoldo **Einstein**, legebla en ties lernolibro „La Lingvo Internacia", Nürnberg 1888, p. 4^a^ kaj 5^a^. — „El tio", skribis samaloke L. Einstein, „oni ekvidas, ke la granda Nekonato, kiu elpensis kaj prilaboradis tiun ĉi „lingvon internacian", ne donas specialan nomon al ĝi, kiel ekz. Volapük, Pasilingua, Spelin, Kosmos ktp. . . . Tial la Germanoj nomos ĝin „Internationale Sprache" aŭ „Einheitssprache", la Francoj „la langue universelle", la Angloj „the universal language" — ĉiu nacio laŭ sia lingvo. Kaj ĝi meritas tiun ĉi nomon efektive ĉe ĉiuj nacioj, ĉar ĝi estas internacia ĉiurilate, kaj pro tio ankaŭ, kiel neniu el la ĝisnunaj lingvoj artefaritaj, kreita por tio, ke ĝi fariĝu la spiritaligilo unuiganta ĉiujn popolojn de la terglobo."

# „Moka“.

(Mondjunularo katolika.)

**Delegitoj**

estas destinitaj en jenaj urboj:

Aŭstrujo.

Wien: S[ro] Otto Scheibl, studento, IX., Sobieskigasse 25/26.

Germanujo.

Breslau: S[ro] Alois Weiss, Dompl. 8/9, del. por Silezio.
Erlangen: Josef Engst, Studenta ligo „Gothia“.
Nürnberg: Fritz Gölz, Helmholtzstr. 3.

Litovujo.

Kaunas: S[ro] R. Blazys, seminariano (R. kat. Seminario).

Polujo.

Siedlce: S[ro] Czeslaw Pruski, stud., ulica 3 go Maja 28.

*

„Amikaro“ en Breslau (prez. S[ro] Weiß) aliĝis al „Moka“ kiel unua loka grupo. La grupoj nombras 25 membrojn. Novaj lokaj grupoj estas fondotaj en München (Germanujo), Pisa (Italujo) kaj Wien (Aŭstrujo).

Ni petegas denove ĉiujn delegitojn de „Moka“ kaj ankaŭ la prezidantojn de katolikaj Esperantaj grupoj, se iel eble, proponi al la centrejo samideanon, kiu emas fariĝi delegito de „Moka“. Ni atendas subtenon de la samkredanoj. „Moka“ jam bone progresas. Ĉiam antaŭen! estas nia devizo.

Ni petas ĉiujn delegitojn, sendi plej baldaŭ raportojn pri la junula kaj la studenta movadoj en ilia urbo aŭ lando. Se eble, oni aldonu adresojn de junul-societoj ktp.

La centro intencas, sendi al ĉiuj ricevotaj adresoj varbmaterialon de „Moka“. Nia Amsterdam'a delegito S[ro] stud. Kemme jam sendis al ni detalan raporton pri la tiea studenta movado. Koran dankon! Ankaŭ gazetojn pri la junula movado ktp. ni tre volonte ricevas.

**Iom pri la lokaj grupoj de „Moka“.**

Laŭ la regularo povas esti formataj lokaj grupoj en urboj, kie estas pli ol 5 membroj.

La loka grupo do estas la unuiĝo de la izolaj membroj kaj elektas kiel prezidanton la plej bone la lokan delegiton de „Moka“. Laŭpove la grupo kunvenas, por priparoli la internajn aferojn kaj disvastigon de la „Moka“-ideo en ĝia urbo. Por ke la centro estu informata pri la faritaj laboroj ktp., la prezidanto, resp. la loka delegito, sendu de tempo al tempo mallongan raporton. Plue, ĉiu loka grupo penadu, sendi almenaŭ unu delegiton al la unua internacia katolika junul-kunveno en Graz (Aŭstrujo-Stirio) dum Aŭgusto 1921[a], okaze de la unua kongreso por la tutmonda katolikaro.

**Internacia leter-ŝanĝado inter katolikaj gejunuloj.**

Mi volas atentigi la „Moka“-anojn je tiu grava institucio, ĉar ĝis nun la partoprenado estas tre malmulta. Nur, se partoprenas kiel eble plej multaj katolikaj junuloj, ĝi povas fariĝi interesa. Do, mi petas ĉiujn katolikajn junulojn kaj junulinojn, kiuj estas emaj, korespondi kun eksterlandaj samideanoj ktp., tuj sciigi al mi la adreson kaj respondi la demandojn laŭ la modelo en „Espero Katolika“ 1920/12.

La gvidanto: Hans Sappl,
sekr. de „Moka“.

# Grandega krucifikso.



En la preĝejo de Karmel'anoj en Wien-Döbling staras de mallongatempe grandega krucifikso el Rusuja alnoligno, skulptita de 30jara profesoro Jozefo Pfaffenbichler en la Hallstatt'a faklernejo de la antaŭpaska semajno 1915ª ĝis tiu sama 1916ª. La alto de la kruco estas $7^1/_2$ metroj, tiu de la Kristo-korpo 4 metroj. La skulptaĵo havas la severan karakteron de tiaj el la germana arto tiuspeca dum frua Mezepoko. La bildo montras la proporcion de la dimensioj de tiu grandega krucifikso kun ĝia ĉirkaŭo.

# Difino kaj devoj de la Esperantistaro.

(El deklaracio de la Esperantista Akademio.)

Esperanto estas lingvo, kaj same, kiel ĉiuj lingvoj, ĝi estas indiferenta ilo, kiu povas servi al kiu ajn celo kaj ideo. „Ĉiu ideo aŭ espero, kiun tiu aŭ alia Esperantisto ligas kun la Esperantismo, estas lia afero pure privata, por kiu la Esperantismo ne respondas.“ Sekve „Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto, tute egale, por kiaj celoj li ĝin uzas. Apartenado al ia aktiva societo Esperantista por ĉiu Esperantisto estas rekomendinda, sed ne deviga“ (Bulonja Deklaracio).

Ĉar Esperanto estas vivanta lingvo, ĝi evoluas laŭ natura maniero, same, kiel la naciaj lingvoj, per iomaj post iomaj aldonoj aŭ ŝanĝiĝoj, laŭbezone eniĝantaj en la uzadon. La sorto de nia lingvo kuŝas do en la manoj de la Esperantistaro mem.

Tamen, ĉi tiu povo kaj libereco de la Esperantistaro, por riĉigi la lingvon, kompreneble ne estas senlima kaj senbrida, nek devas degeneri en pereigan anarkion. La Esperantistaro havas la rajton, libere uzi la lingvon; ĝi ne rajtas, detrui kaj pereigi ĝin. Evolucio natura tute ne samsignifas, kiel evolucio kaprica, senkritika, senpripensa. Ĉar Esperanto estas internacia lingvo, ĝia natura evolucio devas fariĝi internacie, unuece kaj ĉiulande samamaniere, ne malhelpante la internacian interkompreniĝon. Severa unueco, estante nepra kondiĉo de internacia interkompreno, estas nepra kondiĉo de ekzistado de lingvo internacia, kiun baldaŭ mortigus la pereiga disfalo je diversaj dialektoj.

Tiu ĉi mortiga danĝero estas duba, ĉar ĝi kuŝas en la kondiĉoj mem de la vivo de internacia lingvo; la uzantoj de nacia lingvo, pro la praktikaj necesoj de konstanta interkomunikiĝo kaj interkompreniĝo, ne povas libere ŝanĝi aŭ riĉigi la lingvon laŭ persona gusto kaj kaprico; ilia libereco estas severe limigata de la necesa tuja komprenebleco. Por ke ili estu komprenataj, ili devas paroli samamaniere, kiel ĉiuj ĉirkaŭ ili parolas. La konstanta praktika uzado de la lingvo estas do konstanta senkonscia korektilo kaj kritikilo.

Kontraŭe, almenaŭ en la nuna, propaganda, periodo, oni ne uzas la internacian lingvon por la ĉiutagaj praktikaj urĝaj bezonoj de la vivo. Tial la malsamkutimaj kaj malsamtradiciaj homoj, kiuj ĝin uzas nur intertempe kaj precipe skribe, ne povas rimarki, ĉu ili estas komprenataj aŭ ne, kaj ili ne estas devigataj, korekti pro nekompreniĝo sian malbonan lingvaĵon.

Por eviti la eblan disfalon de nia lingvo, estas do necese, ke ĉiu Esperantisto, konsciante sian devon, sin korektu mem per interna memvola, plej severa disciplino, inspirante al ĉiuj per lia ekzemplo profundan respekton al la lingvo Esperanto. Neniam oni tro firme konvinkiĝos, ke nian Esperantan lingvon oni devas konsideri kun sama respekto, kiel niajn gepatrajn. Neniu certe kuraĝus enkonduki sisteme kaj amase aŭ kaprice en ilin novaĵojn aŭ ŝanĝojn, ĉar tiamaniere oni fariĝus nur ridinda.

La unua kondiĉo de normala progresado, la ĉefa kondiĉo de ne ŝajna sed plena libera vivo, estas tiu profunda respekto, kiu malebligos, ke oni serĉu sen absoluta neceseco novan vorton aŭ esprim-manieron. Neniu, eĉ la plej konservema, malpermesas al ĉiu Esperantisto, uzi novan vorton, se ĝin li nepre bezonas. Sed de ĉiuj ni rajtas postuli, ke novaĵon oni neniam enkonduku senutile kaj senbezone. Cetere, rimarkinde estas, ke, ju malpli da fremdaj lingvoj iu konas, des pli facile li alportas novajn esprimojn kaj ilin senĝene defendas kun insisto, forgesante, ke la rajto, krei vorton, estas tute escepta, kaj, ke tiu ĉi sola ĝin havas, kiu funde scipovas kaj posedas la lingvon. Ni do devas esti tre singardaj kun ĉia perfektigado kaj riĉigado de la lingvo, kaj ni devas provi novajn vortojn nur en okazoj de efektiva neceseco.

En la Antaŭparolo de la Fundamento de Esperanto, Zamenhof mem klarigas tute precize la manieron, kiel la lingvo povas riĉiĝadi kaj perfektiĝadi per vojo natura kaj libera, sed ankaŭ internacia, singarda, senkonfuza kaj sendanĝera: Ĉiu Esperantisto povas riĉigadi la lingvon per novaj vortoj ĉu senkonscie, ĉu konscie, sed neniam senkritike kaj senpripense. Li rajtas provi novan vorton nur „per konsiliĝado kun tiuj personoj, kiuj estas rigardataj

kiel la plej aŭtoritataj en nia lingvo, kaj, zorgante pri tio, ke ĉiuj uzu tiujn vortojn en la sama formo.“ Plie, la novajn vortojn „oni devas uzadi nur en la literaturo“. Estas ĉies devo, antaŭ ol uzi novan vorton, zorge konstati, ke ĝi ne estas superflua.

Ĉiuj Esperantistoj konstante rememoru tiujn saĝajn majstrajn konsilojn.

# Kroniko.

**Aŭstrujo.** En Wien nun estas gvidataj de S^ro^ Schamanek, lektoro por Esperanto ĉe la Teknika Altlernejo, grandaj kursoj por estontaj Esperanto-geinstruistoj. Por ekzercadi la lingvon, la kat^a^ unuiĝo Esp^a^ aranĝas krom la ĉiumerkredaj vesperaj-kunvenoj en la kafejo „Wienzeile“, VI., Linke Wienzeile 36 (de la 5^a^ ĝis la 7^a^) senpagajn vesperajn kunvenojn ĉiuvendrede de la 5^a^ ĝis la 7^a^ en la sekretariejo, I., Kleeblattg. 7, II. por ebligi perfektiĝon en la uzado de Esperanto. La unua tia kunveno okazis la 7^an^ de Januaro. Lertaj Esperantistoj partoprenis, por vigligi la interparoladojn. Dum tiuj samaj tagoj de la 7^a^ ĝis la 9^a^ estas la kunvenoj de la „I^a^ Unuiĝo Esp^a^“ en la proksima kafejo Frauenhuber, I., Himmelpfortg. 6. — La anoj de la „Kat^a^ unuiĝo Esp^a^“ kaj ĉiuj Wien'on vizitantaj katolikoj korege estas invitataj, partopreni en tiuj kunvenoj. — La 1^an^ de Decembro 1920^a^ la prez. S^ro^ Sappl paroladis en la Graz'a kat^a^ „grupo pri la temo: „Ĉu Esperanto havas ŝancojn, fariĝi la tutmonda helplingvo?“ La vizito estis kontentiga. Ĉiujn merkredojn kaj vendredojn okazas kursoj por komencantoj kaj progresintoj. Nova kurso baldaŭ komencos. La kat^a^ grupo kunelaboras kun la „Stiria Esperanto Societo“.

**Francujo.** En Lyon S^ro^ J. B. Bertrand propagandas Esperanton per paroladoj al viroj kaj junuloj en lia paroĥo, montrante Esp^ajn^ bildojn. Li esperas, ke li povos aranĝi kurson inter katolikoj.

**Germanujo.** La katolika grupo en München (Bavarujo) aranĝis sian unuan Kristnasko feston plensukcese. Post malfermaj vortoj de la prezidanto, S^ro^ pastro Lukas parolis la jur. kons. S^ro^ Krall tre trafe kaj interesige pri katolikismo kaj Esperantismo; precipe li propagandis por „Ik^a^“. Poste S^ro^ Hechl el la loka grupo de G.E.A. esprimis la salutojn de tieaj samgrupanoj, dezirante, ke la koraj kaj amikaj interrilatoj de la du grupoj estonte restu la samaj kiaj ĝis-nun. La kantadon plenumis tre aplaŭdate la samideano instr. Neuhäusler, la muzikon kvar citro-ludantoj el „Hansa“. Lotado de diversaj bongustaj kaj utilaj objektoj kaŭzis amuzon kaj plenigis la kason. La morala kaj la financa sukcesoj estas tre kontentigaj kaj kuraĝigaj.

S^ro^ pastro Lukas, grupestro.

# Petoj kaj Demandoj.

**Interŝanĝi poŝtmarkojn kaj papermonon** kun ĉiulandanoj deziras S^ro^ J. Kolnhofer en Wien, XIII/$_4$, Zehetnerg. 37. Li ankaŭ vendas tiajn kaj nepre respondas. Oni postulu prezaron. — **Interŝanĝi il. poŝtkartojn** kun ĉiulandanoj, ev. ankaŭ poŝtmarkojn, deziras S^ro^ S. Dobmaier en München 50, Germanujo, Bavarujo, Plingauserstr 42, II. Li ĉiam tuj respondos.

**Korespondadi** deziras kun ĉiulandanoj, kolektante poŝtmarkojn kaj ilustr. poŝtkartojn, S^ro^ A. Jeziorowski en Ottmachau (Supra Silezujo), Ring, 43. — **Korespondadi** kun alilandanoj deziras S^ro^ H. Casany en Barcelona (Hispanujo), Corts 659, 2, 2. — **Korespondadi** kaj **interŝanĝi poŝtmarkojn** kun ĉiulandanoj deziras A. grafo Strachwitz en Wien, Aŭstrujo, XVIII., Scheidlstr. 2.

**Aĉeti** deziras la n^ojn^ 1—6 de „Espero Katolika“ 1920 F^tno^ A. Fajmon en Wien, Aŭstrujo, III., Fasang. 12.

**Dankon** koregan petas akcepti ĉiujn gegratulintojn geedzoj Ulm en Wien, XV., Pelzg. 15, III.

# Sciindaĵoj.

**La katolika saluto.** La estimataj gelegantoj de „E. K." estu atentigataj, ke ili, respondante la katolikan saluton: „Laŭdata estu Jesuo Kristo", povas diri anstataŭ: „En eternecon" simple: „Amen." (Vidu: Beringer „Die Ablässe, ihr Wesen und Gebrauch. La indulgencoj, iliaj esenco kaj uzo. Paderborn 1893). — La esprimo „eternecon", oficiale akceptita dum la Hag'a kongreso, Aŭg. 1920a, sciu, al kelkaj personoj ŝajnas neĝusta, ĉar ne eco estu esprimata sed la „eterno" (eterna tempo). F. M.

**Pri tradukoj.** Esperanta lingvo estas pli komprenebla kaj pli preciza ol aliaj lingvoj, se oni volas Esperantlingve bone paroli kaj bone traduki. Al mi do ŝajnas, ke ĉe tradukado, precipe el verkoj tre gravaj kaj tre seriozaj (ekz. religiaj), oni devas traduki ne vortojn post vortoj, sed vortojn en senco ĝusta, reproduktantajn precize sencon kaj „animon" de verko. Mi, estante Esperantisto jam de la 1887a, kiam mi estis ankoraŭ studento de universitato, penis ĉiam agi tiamaniere. Wierzchowski.

---

# Literaturo, Muziko kaj Arto.

**La tutmonda helpa lingvo „Esperanto" en du semajnoj** (Die Welthilfssprache „Esperanto" in zwei Wochen). Konversacia gramatiko, Germanlingve verkita de A. Pankratz, redaktoro en Bydgoszcz (Bromberg), Polujo. Prezo: 5 Germ. Mkoj (en Polujo 30 Mkoj). Havebla ĉe la eldonejo „Nowe Tory" (La novaj vojŏj), ul. Ossolińskich, 12, Bydgoszcz, Polujo. — Ĉu ne tro granda promeso: Esperanto en du semajnoj? Ni he trograndigu, por ne seniluziiĝi! Entute la verketo estas sufiĉe bona lernolibreto por Germanoj, sed tiaj ekzistas jam, preskaŭ tro multaj, por ĉiuj prezoj. Eble neniu nacio posedas tiom da Esperanto-lernolibroj kiom la Germana. Cetere, ni deziras al tiu nova disvastiĝon; nur la „du semajnojn" sur la titolo ni tre emus trastreki. En tiom da tempo nur la ideo, ne la posedo de nia lingvo, estas akirebla. J. Ŝ.

**Raporta Stenografio.** Alfaro de la Angla sistemo Pitman'a al Esperanto. Verkis M. C. Butler. 5a eld. Brita Esperantista Asocio, 17, Hart Street, London, W. C. 1. Prezo 2 ŝil. 6 penc. — Tiu tre zorge verkita broŝuro havas valoron precipe — kaj preskaŭ nur — por Britaj samideanoj, ĉar ekster Anglujo la stenografia sistemo de Pitman laŭ nia scio ne tre estas disvastigita, eĉ ne tre konata. Ni do ankaŭ ne povas prijuĝi la perfektecon de la alfaroj. sed nur anonci la ekziston de tiu libreto, kiu certe povas interesi ankaŭ anojn de aliaj stenografiaj sistemoj. J. Ŝ.

**„Moka"-broŝuro:** Eine katholische Weltjugendliga, Germanlingve verkita, aperis en Paulusverlag, Graz (Aŭstr.-Stirio), Karmeliterpl. 5, kaj volonte estas sendata al interesuloj laŭ ilia mendo. La prezo de unu ekzemplero estas 1 Germ. Mko.

**„La Supra-Sileziano"** („Der Oberschlesier") Oppeln, Bismarckstr. 11, ĉiusemajna gazeto por politiko kaj kulturo, provas alproksimiĝi en dulingva teritorio, kies dupopolaj partoj malamikeĝe kontraŭstaras unu la alian, prudentajn kaj pli profunde pensantajn homojn al diskutado pri la plej diversaj demandoj de politiko, ekonomio kaj kulturo. La revuo klopodas, interrilatiĝi la konon de la ambaŭflankaj kulturoj kaj forigi tiamaniere disiĝojn. Ĝi intencas, prepari en Orienta Eŭropo la vojon al nova spirito, kiu estonte regu la kunvivadon de la nacioj. Ankaŭ al Esperanto la „Supra-Sileziano" turnis sian atenton per publikiĝo de artikolo de Sro Mielert, vicprez. de Internacio katolika (II/50 de „Supra-Sileziano"). La „Supra-Sileziano" intencas publikiĝi ankaŭ kurson de Esperanto en Germana kaj Pola lingvoj.

---